# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto: H. Hodler, † 1920

Redaktoro: Hans Jakob
Palais Wilson
Genève, Svislando

1942

38-a jaro N-ro 492 (2)

Aprilo-Junio

ENHAVO:



Jara abono . . . . . Fr. sv. 10.—
(Kun ricevo de la jarlibro & premio)
Anonco:
Korespondado du linioj . . . . 1.—
Reklamo:
Kolonero unu centimetra . . 1.—

Poŝtĉeko svisa: Genève I 2310
Poŝtĉeko franca: Lyon 221-76
Poŝtĉeko sveda: Göteborg 44381
Bokförlaget Kosmos
för Universala Esperanto Asocio

Presita 30 Junio 1942

## El la Centra Oficejo.

Novaj cirkonstancoj postulas rapidan adaptiĝon. La nuna vivo nin metas ĉiujn ĉiumomente antaŭ problemoj tuj solvotaj. Ankaŭ UEA troviĝas en tia situacio — jam de jaroj dum la krizo kaj pli speciale dum la mond-milito — rapidege adaptiĝi al novaj kondiĉoj.

Hodiaŭ ni informas la Esperantistaron, atingeblan nun de nia gazeto pri du gravaj ŝanĝoj. Unua pri la Centra Oficejo mem. Siatempe dank' al iniciato de l'subskribinto, la Centra Oficejo transiris de l'Insula Turo al Wilsona Palaco, la antaŭa sidejo de la Ligo de Nacioj, konstruiginta propran palacon pli pompan ol la estintan. Kaj nun UEA transiras (kune kun kelkdeko da aliaj internaciaj organizaĵoj ankoraŭ ekzistantaj), al nova ejo en «Hotel-Bellevue».

Ni memorigu, ke Palais Wilson estas propraĵo de la Svisa Konfederacio. Pro la akriĝinta situacio de l'urbo Ĝenevo, la svisa registaro decidis translokigi iujn oficejojn ŝtatajn. Taŭga montriĝis kiel ejo la Wilsona Palaco. Por kompensi la internaciajn organizajojn devigataj forlasi ĝin, la Ĝeneva Registaro disponigis grandanime la komfortan Hotelon Bellevue, je ducent paŝoj de Wilsona Palaco, ĉe la kajo sam-noma. Entute ŝanĝo salutinda, ĉar la nova ejo, havas aliajn avantaĝojn. Dank'al ĝenevano Guillaume Fatio, defendinto de l'interesoj de la Federacio de Internaciaj Organizajoj, la kondiĉoj estas same favoraj en la nova ejo, spite pliaj avantaĝoj. Pri la de finitiva instaliĝo de UEA ni informas pli poste, provizore validas malnova adreso. Resume: Problemo solvita kontentige.

Alia problemo solviĝis ankaŭ. Ĝi estas persona kaj koncernas min mem. Estas nun tridek jaroj ke mi fariĝis oficisto de UEA. Mi vidis ĝian supreniron kaj ĝian falon. Neniam mi ŝanceliĝis en mia opinio ke la organiza formo de UEA, sendependa de influoj naciaj (kaj Nazi'aj) estas la sole taŭga. La okazintaĵoj ja pravigis tion.

Nebezone estas ja paroli pri la malfacileco funkciigi internacian entreprenon. La blokado de l'kontinento, la forigo de l'Esperanto-Movado en preskaŭ ĉiuj landoj de Eŭropo, senigas UEA je enspezoj.

La Estraro de UEA jam en 1939 decidis funkciigi la Asocion laŭ la efektivaj enspezoj, sen notinda subteno el kapitalo. Tio estis eble dank'al diversaj favoraj cirkonstancoj, pri kiuj ni okaze parolos.

Por esti proksima al la Centra Oficejo kaj por daŭrigi la agadon de UEA akceptis oficon en ŝtata oficejo, sidanta mi en Wilsona Palaco. Laborinte jam honorofice dum pasinta jaro, mi estas preta daŭrigi same por konduki la kreajon de H. Hodler en pli bonan tempon. Laŭjure mi demetis la oficadon de salajrata Direktoro jam je fino 1940. Sekvante la inviton de l'Estraro mi akceptas esti Komitatano kaj Estrarano, dediĉante mian liberan tempon al UEA, kun la bonvola kunhelpo de libervolaj kunlaborantoj. Praktike ŝangas nenio en la funkciado de la Asocio. Kutimita je streĉa laboro mi estas konvinkita, ke mi sukcesos plenumi tion, kion mi promesis al H. Hodler kaj Ed. Stettler: **resti fidela al UEA.**

Malhela aspektas la estonto. Sed nur ŝajne! Kion ni travivas hodiaŭ, estas ja nur la logika konsekvenco de l'agoj kaj de l'ne-agoj post 1919. Nova pli bona mondo ekestos el nunaj ruinoj, la interŝtata anarkio cedos lokon al federacio de interne suverenaj ŝtatoj, evitonta la erarojn de la estinta Ligo de Nacioj. Kaj tiam ree brilos nia stelo kaj gaje flirtos la verda standardo super la Centro de l'Unueca Esperanto-Asocio en Ĝenevo.

Post tenebras lux! estas la promesplena devizo geneva, ĝi estu ankaŭ la nia.

*Hans Jakob.*

# La helpo al la familio Zamenhof.

## Dekdua raporto: Kalkulo 1941; klopodado en 1942.

La daŭre ŝanĝiĝinta situacio postulis de l'Administranto de la Interhelpo Esperantista severan atenton por ne preterpasi okazon, plenumi la planon fiksitan. Kaj kiel ni sukcesos en 1942 ni ne povis antaŭdiri. Spite neaj informoj pri ebleco sendigi ion el centraj landoj eŭropaj al la F. Z., ni tamen sukcesis kaj sukcesas, dank' al faktoroj flankaj. En antaŭa numero de ESPERANTO ni informis, ke aperos kalkulo pri **1941** en n-ro 492, la nuna eldono. Jen la ciferoj:

| | Suldas: | Havas: |
|---|---|---|
| Enspezoj: | | |
| Kolekto laŭ listoj aperintaj en „ESPERANTO" | | 2386.65 |
| Elspezoj: | | |
| a) Nutraĵoj senditaj el diversaj landoj . . . | 1166.45 | |
| b) Monsendaĵoj . . . . . . . . . . . . . . . | 1200.— | |
| c) Kostoj diversaj . . . . . . . . . . . . | 20.20 | |
| | 2386.65 | 2386.65 |

## Jaro 1942.

La kolektado por tiuĉi helpagado nun malkreskis tre zorgige. Ni ne volas riproĉi, nur konstati fakton! La kaŭzon de tiu ĉi malkresko ni jam konigis: pliseverigo de la vivkondiĉoj ĉie, malgrandiĝo de l' vivspaco de nia movado, blokado kaj tiel plu. Ni entreprenis ĉion por certigi la helpon; promesoj alvenis kaj ankaŭ donacoj. Ni insistis, ke la IEL centro en Rickmansworth klopodu ĉe kompetenta aŭtoritato por ricevi pagpermeson pri farita kolekto en 1940. IEL jese respondis, sed montriĝas, ke oni devas paciencigi. La mono kolektita en Britujo aŭtomate forigus de ni ĉiun timon pri fiasko de nia penado en 1942. Ke la britaj samideanoj komprenu gravecon de l'afero!

Sed....... oni devas agi. Okaze de la Estrar-kunveno de UEA en Neuveville 18/19 Aprilo 1942, la Estraro rajtigis la Administranton de l'Esp. Interhelpo, uzi el la rezervo deponita en banko, sumon de 500 Frk., se necese, do se la sumoj bezonataj en 1942 ne eniras.

## Donacoj 1942.

### Brazilo.

Nia alvoko helpi nin en nia tasko provizi la familion Zamenhof je nutraĵoj trovis eĥon en Brazilo. Ni legas en n-ro 306/307, de Novembro-Decembro 1941 de la Brazila Esperantisto klarigon objektivan pri la klopodado de UEA favore de la Familio Zamenhofa. Tiu ĉi gazeto, forsendita dum Januaro, atingis nin — signo de la nuna tempo — je la 2a de Junio.

Unuaj donacoj faritaj:

Brazila Ligo Esperantista: Milr.: 200.—; Familio Ismael Gomez Braga, Rio de Janeiro, 200.—; S-ro Alberto Couto Fernandez, R. d. J., 100.—; Brazila Klubo Esperanto: 50.—; S-ro D-ro Eusinio Lavigne, 50.—; S-ro Antonio José Vaz: 20.—, sume 620 Milrejzoj.

(Tiu ĉi sumo troviĝanta en Brazilo, n e estas enkalkulata en la sekvanta resumo de la kolektado 1942).

### Svislando.

1) S-ro Willy Voirol, Biel, 5.—; 2) F-ino Alice Früh, Sankt Gallen, 5.—; 3) S-ro Ch. Jayet, Morges, 10.—; 4) S-ro Le Brun, Montreux, 3.—; 5) Esperanto-Societo en Kreuzlingen, 10.—; 6) S-ro Jean Borel, Vaumarcus, 5.—; 7) Nova Esp. Klubo, Sankt Gallen, 10.—; 8) F-ino Alice Dickmann, Genève, 5.—; 9) S-ro René Zollinger, La Chaux-de Fonds, 3.—; 10) S-ro Milĉev, Biel, 5.—; 11) S-ro Kreis-Schneeberger, Peseux, 20.—; 12) Esp. Societo, Zürich, 10.—; 13) Kolekto dum Esperanto Tago en Neuveville: 46.50; 14) S-ro Jules Gilliard, 20.—; 15) S-ino Tissot, Basel, 50.—; 16) S-ino N. N. 10.—; 17) S-ro Jules Wolf, La Chaux-de-Fonds, 5.—; 18) F-ino Steinmann, Bern, 4.—.

Sume: Fr. 231.50.

### Svedlando.

Sumoj ricevitaj de l'ĉefdelegito de UEA, S-ro Einar Adamson: De S-ro Kurt Lindström, Agnesberg, 5.—; S-ro Jacob Jacobsson, Nordmaling, 5.—; D-ro Szilagyi, Falköping, 5.—; Sume: 15.—. Kolekto de Sveda E-Federacio: Sumo Kr. 49.21 transdonita de S-ro Ernfrid Malmgren al UEA ĉefdelegito Einar Adamson. — Donacintoj: S-ro Martin Fejde, Jönköping, 5.—; S-ro H. E. H., Malmö, 5.—; F-ino Klara Waldén, Ystad, 5.—; S-ro A. K., Jönköping, 0.21; F-ino Hilda Karlsson, Klippan, 6.—; Norrköpings Esperanto-Klub, 11.—; S-ro Erik Malmkvist, Appelviken, 10.—; F-ino Britta Lindblad, Klippan, 2.—; F-ino Olga Nordlund, Jönköping, 5.— Kr. Ambaŭ sumoj kune: Kr. 64.21

### Portugalo.

S-ro Luzo Bemaldo, Lisbono, 30.—; S-ro Manuel de Freitas, Porto, 20.—; S-ro Akimo Felix Kampano, Santarem, 7.50; S-ino Alsacia Fontes Machado, Lisbono, 10.—; Profito el vendo de libreto „Vivo de l'Eskimoj", transdonita de S-ro Manuel de Freitas, 900.—.

Sume: Esk. 967.50

### Francujo:

1) S-ro Miachon, Caluire, 10 Fr.; 2) Ge-sroj Bades-Fonts, Amélie-les Bains, 5 Fr.; 3) F-ino Jeanne Dedieu, Prades, 10 Fr.; S-ro Aymes, Lyon, 30 Fr.; S-ro Otto Walder, (Romanshorn) — donaco de senvaloriĝinta ĉeko en fr. fr. de UEA revalorigita: 125.—.

Sume: Fr. fr. 180.—

### Islando.

S-ro Th. Thornsteinsson, Rejkjavik . . . . . Fr. svis. 10.—

Sumo donacita ĝis fino de Majo: Fr. sv. 459.85

Hungaraj samideanoj sendigis rekte certan sumon al Varsovio laŭ informo alveninta kun prokrasto. Samideano Nikolav en Sevlievo, Bulgario, sukcesis sendi malgraŭ severa raciigo, nutraĵojn kaj fine Sinjoro Kreis-Schneeberger, en Peseux (idisto) sendigis kvinkilograman pakaĵon el Portugalo, krom aparta donaco.

Kaj regule vojaĝas sendaĵoj el Portugalo, dank' al sindono de Manuel de Freitas, al Varsovio!

Al ĉiuj koran dankon!

UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO
Esperantista Interhelpo.

Genève, 31 Majo 1942.



# Svisa Esperanto Tago en Neuveville

Kiel unua landa kunveno, la Svisa Esperanto Societo okazigis je la 18/19a de Aprilo sian „Esperanto-Tagon" en la ĉarma urbeto Neuveville ĉe Biela lago. Pasintjare en Langenthal, (loko sen grupo) samideanino Lily Schaerer, sen alies helpo organizis brilan kunvenon. La samon oni povas diri nun pri izola samideano, Jules Gilliard en Neuveville, akceptinta la taskon organizi nunjare la tradician tagon de la svisaj Esperantistoj. Kaj Samideano Gilliard plenumis bonege, ja eĉ superis sian promeson „fari plej bone".

Sabaton vespere, post vespermanĝo, parolis al la partoprenintoj, D-ro Edmond Privat pri aktuala temo: **Tri federalismoj svisa, usona kaj Ligo de Nacioj. Kaŭzoj de sukceso kaj de malsukceso.** Estas arta ĝuo aŭdi D-ron Privat paroli nian lingvon. Tiu ĉi ĝuo spertita jam antaŭ pli ol tridek jaroj aŭdinta junulon, neniel malpliiĝis, ja grandiĝis aŭskultinte nun gravmienan doktoron. Kaj la temo? Nu, estas temo kara al ni, Esperantistoj! Estas la problemo, kiel oni organizu la mondon por eviti la katastrofon, kian travivas la homaro por la dua fojo en interspaco de kvaronjarcento. Simple kaj klare, Privat elmontris kiel estiĝis du ŝtatligoj, la svisa kaj la usona, kiom da spertoj necesis por atingi kiom eble plej bonan, „neniam perfektan, sed ĉiam perfektigeblan" formon de kunvivado, inter homoj diverspensaj kaj diversgentaj. Kion malprecize oni serĉis diveni, Privat klarigis per ekzemploj. Valorega por la ĉeestantaro estis la komparo inter la du tipaj formoj de federacia organizo, la malsama kompreno pri certaj principoj, la stulta sinteno de la „eternaj hieraŭ-uloj", la zorgoj kaj ĉagrenoj de patriotoj homaranaj kaj la fina triumfo. Detale oni aŭdis pri la kaŭzoj de la fiasko de la Ligo de Nacioj: manko de efektiva povo, dependiĝo de apartaj grandinteresoj, neebleco de la mez-kaj malgrandaj ŝtatoj venkigi bonan principon. Kaj estas konsolige ja eĉ esperige lerni, ke la samaj spertoj faritaj de Usono kaj de Svislando, ripetiĝis ĉe la pli granda provo, kunigi la tutan homaron por forigi la militon, ĉe Ligo de Nacioj. Nur el spertoj komprenataj kaj saĝe valorigataj fine venkos la sukceso. La fina vorto de l'oratoro estis kuraĝiga rigardo en estonton.

La dankema aŭdantaro honoris la parolinton per sincera aplaŭdado. Neforgesebla vespero, finiĝinta je la 12-a horo.

Dimanĉe matene kunvenis la samideanoj en la stila salonego de la Urba konsilantaro por la kutima afera kunsido. Prezidis D-ro M. Jaccard kaj diskutigis punkton post punkto de l'riĉa tagordo. Jara kaj kasraportoj estis akceptitaj, budĝeto por 1942 voĉdonita.

Ĉeestis la kunvenon la Urbestro, Sinjoro Imhof, bonvenigante franclingve la ĉeestantaron. Lian bonvensaluton sekvis la tradicia honorvino, verŝita al ĉiu gasto de du fraŭlinoj en regiona kostumo. La vin-amantaj samideanoj plezure gustumis la bongustan „novurban" vinon, sub observa rigardo de kelkaj abstinuloj tintantaj malplenan glason. (Suum cuique pulchrum!)

Spite sentiĝanta manko de multaj bezonaĵoj la tagmanĝo (iam oni diris bankedo) kontentigis ĉiun kaj faris honoron al la estro de l'Hôtel du Lac. Kaj poste daŭrigis la diskuto.

Ioman malfacilecon kaŭzis la elekto de nova prezidanto, pro la eksiĝo de D-ro Jaccard post trijara funkciado. Re-elekton li rifuzis pro profesia kaj principa kaŭzo. Fine estis elektita kiel prezidanto

S-ro Otto Walder, nun en Romanshorn

kiu promesis gvidi la societon laŭ la ĝisnuna maniero. Plian embarason kaŭzis la difino de loko por la venonta kunveno. Iom ŝerce ĵetita propono kunveni en Locarno, la ĉeestantaro (verŝajne pro la trapasita vintro) brue akceptis, avida je suno kaj floroj.

Surprizo! Senlaca Gilliard disdonigis la gajnojn el la lotado kaj honordonacon al meritplena sekretariino de la SES, Sinjorino Grütter, fidela laborantino. Ĉeestanta gasto, D-ro Fulda, DM de UEA, kreis humoran atmosferon spicante diskutojn per sukhavaj anekdotoj. Gaje preterpasis la tempo, kaj horloĝo admonis rapidi. Esprimis la dankon al la organizinto, Jules Gilliard kaj al la eksiĝinta prezidanto D-ro Jaccard, la prezidanto de la Geneva grupo „La Stelo".

Resume: Kunveno memoriganta la Esperanto-Tagojn de iam, amika kora atmosfero, senpretenda kunlaboro de ĉiuj, nenia kverelado. Partoprenis la tagon pioniroj de nia afero en Svislando blankhara Sinjoro Rusterholz el Basel, 84 jaraĝa, estinta Delegito S-ro Ducommun de Les Brenets, Karl Jost, Zürich kaj S-ino Tissot el Basel. — Kolekto favore de Familio Zamenhof rezultigis sumon de 46.50 plus 20.— plus 10.— = 76.50 Frankoj, al kio sekvis plia donaco de S-ino T. de 50.— sume 126.50 Frk. Kaj nun:

**Ĝis revido 1943 en Locarno!** H. J.

# La movado dum la militado.

Malmultaj estas la informoj kiuj alvenas; tamen en landoj liberaj kaj en la kelkaj kie nia movado estas tolerata, persistas la esperantistoj. Ja eĉ kursoj okazis kaj okazas. Ne povante citi ĉion ni komunikas rekte ricevitajn raportojn.

## Hungarlando.

La menciitaj paroladoj de inventista sekcio de HEF entute okazis 6 foje. La 17-an de Aprilo aranĝis la Pedagogia E-Societo en sia nova scienca preleg serio paroladon. Parolis Prof. Dro. F. **Erdey** pri **Solidarismo kaj Pedagogio.** En katolika Esp. Societo estis lumbildparolado. Dum pasko estis aparta meso kaj kunveno por katolikoj. La nunjara Budapeŝta Foiro okazos verŝajne dum Aŭgusto, okaze de la festoj de Stefano la Sankta. Oni projektas ankaŭ esp. standon. „Hungara Heroldo" aperis en kutima formato kaj interesa enhavo por eksterlandanoj. En urbo **Békés** en IMCA rondeto finiĝis kun bela ekzamenvespero la kurso de Prof. B. Török — Univ. Prof. Boleman el urbo Sopron esprimis opinion, ke post la milito progresos Esperanto, ĉar la naciismaj japanoj pli forte uzos la neŭtralan esperanton por internacia trafiko. — La katolika societo regule eldonas multobligitan bultenon por la membroj. La sciigoj de Kristana E. Ligo grupo aperas en monata hungara eklezia revuo sub regula rubriko. Sur la budapestaj telefonlibroj estas daŭre inter la rimarkoj, ke oni povas, inter aliaj lingvoj ankaŭ esperantlingve peti informojn de la koncerna oficiale telefonservo.

## Kroatio.

El letero, datita 2an de Junio 1942, el Zagreb, ni ekstraktas la jenon.

Tuj post la proklamo de sendependa ŝtato kroata, ĉesis aperi la gazeto LA SUDA STELO. Samtempe estis fermitaj la klubejoj esperantistaj kaj ĉesigita la agado por Esperanto en la tuta lando. Nur la katolikaj kluboj povas agadi. Nenia leĝo de la nova ŝtato malebligas agadon por nia lingvo. Estas konsilinde ke la movadon direktu anoj de la revolucia movado, la ustaŝoj, de kiu mi estas ano. Mi klopodas por nia afero, kvankam mi estas tre juna (mi vizitas la sesan klason de la gimnazio).

## Svedlando.

La sveda movado festis ĉi printempe la 50 jaran Esperanto-Jubileon de Paul Nylén. Pro tio, la Sveda Esperanto Federacio eldonis libron „Kvindek jarojn kun Paul Nylén", kvazaŭ filmo kun 125 ilustraĵojn. *

Tridektri personoj partoprenis provon por la Supera ekzameno, 32 por la ekzameno pri lernado. Tio estas rekordo speciale citinda ankoraŭ pro la malfavoreco de l'tempo. (E. M.)

---

## Novaj libroj.

**Iŝikaŭa Tacuzo:** Vivantaj soldatoj. Tradukis Verda Majo. 144 paĝa, 18 × 13 cm. Eldonita de Heroldo de Ĉinio, Ĉungking. 1941. Prezo ne montrita.

**At. Nikolov:** Kion donis Bulgarujo. (Supreniranta vojeto de Bulgarujo) — 32 paĝa, 17 × 12 cm. Libro-eldonejo Frateco, Sevlievo.

**Agostinho da Silva:** Lasta vojaĝo de Scott. Tradukis el portugala lingvo, M. F. — 32 paĝa, 16,5 × 11 cm. 2 respondkuponoj aŭ ekvivalento. — (Ricevebla ĉe Libroservo de UEA: Fr. sv. 0.50, la ekzemplero)

# *Malsato kaj idealismo.*

De Anita.

*Idealistoj forgesas kelkfoje la malsaton pro ilia idealo. Malsataj homoj forgesas ilian idealon pro la malsato.*

*

*Neniam la materialismo estis tiom giganta kiel nuntempe kiam necesas idealismo plimulte ol iam. Kiam la homo estas puŝata reen sur la plej primitiva ŝtupo, li ne ne povas supreniri ŝtuparon.*

*

*Amas-idealoj estas vakcinitaj hodiaŭ devige. Tio estas vakcinio profilaksa — kontraŭ ebla atako de individua idealo.*

*

*En landoj ankoraŭ ne atingitaj de la ĝenerala mizero, kreskas materialismo timige. Homoj neniam okupiĝintaj pri manĝaĵoj, parolas nun nur pri tio. Ne pro nuna malsato — sed pro timo morgaŭa.*

*

*La homo ne povas vivi sen idealo, kiel ankaŭ ne sen pano. Neniam kun malbona idealo.*

*

*La vido de infano mortmalsata, polverigas idealon.*

*

*Mortas nuntempe multaj homoj pro la idealo — de aliaj.*

*

*Simpla bonfaro sen idealo konscia, estas pli altvalora, ol konscia idealo sen bonfaro.*



# *La plej bela floro*

L. Thevenin

*Per versoj kaj per prozo*
*Mi kantus pri la rozo*
*Brilanta en ĝardeno*
*Ĉi apud la jasmeno.*

*Mi kantus pri l'konvalo*
*Floranta en la valo*
*Per tiom blankaj floroj*
*Mi kantus pri l'odoroj*

*De la narciso flava*
*De la dianto rava.*
*Sed kanti mi preferas,*
*Dum arde mi esperas.*

*Per vorta harmonio*
*Pri dolĉa vi Mario,*
*Ĉar estas vi pli bela*
*Ol ĉiu flor' ĉiela.*

---

# Gazetoj ricevitaj

Argentina Esperantisto (Oktobro 1941) — Brazila Esperantisto (Nov. Dec. 1941) — The British Esperantist (Jan. Febr. Marto Aprilo 1942) — Bulgara Esperantisto (Nov.-Dec. 1941, Jan. Febr. 1942) — Comprendre, 3 numeroj, de Januaro ĝis Junio 1942) — Heroldo de Ĉinio, de Ĉung-King (Septembro 1941) — Esperanto Internacia (Januaro-Februaro 1942) — Hungara Heroldo (Marto 1942) — Svenska Esperanto Tidningen (Aprilo 1942) — Renovigo (Februaro 1942) — Satana Bulteno (Januaro 1942) — La Semanto (Marto/Aprilo, Majo 1942) — Svisa Espero (Majo 1942) — Frateco (Februaro 1942) — Tuluza Esperantista Bulteno (1, 2, 3, jan. ĝis Majo 1942)

**Georges Agricola:**

# La germanizacio de Eŭropo.

Malsame al la pasinta mondmilito, la nuna vidas efektivan partoprenon de ĉiuj kontinentoj kaj oni batalas en la Atlantiko kiel en la Pacifiko. La partopreno de l'Amerika Kontinento ŝanĝas la bildon de tiu ĉi giganta detruado. Je rapida fino neniu plu kredas, sed despli oni okupiĝas pri la estonteco, pri la nova ordo. Ion precizan pri la nova ordo, precipe en Eŭropo oni ne sciiĝis ĝis nun. La plenŝtopado de la kranioj per propagandaj asertoj kreis konfuzon ne viditan. En la fokuso de nuntempaj diskutoj staras la demando pri la nova ordo en EŬROPO. Ĝin proklamis la akso. Utilas koni la ĉefajn ideojn proklamitajn jam delonge antaŭ la nuna milito kaj la probablan aspekton de la nova ordo.

## Brita Imperialismo.

La Brita Imperio, frukto de grandpotenca ekspansio estis sur la vojo ĝevolui al libera unuiĝo de la popoloj en ĝi kunigitaj. La belec-makuloj, Hindujo kaj Irlando estus malaperintaj per iom post ioma cedo kaj kompromiso. La publika opinio brita, jam de jardekoj laboris por ke la restaĵoj de pekoj el pasinto malaperu. Tipa ekzemplo estas la ordigo de la sudafrika problemo tuj post la venko super la buroj. Tiutempe la tuta Eŭropo estis kontraŭbrita pro la imperialisma milito kontraŭ la Buraj respublikoj. La brita publika opinio montriĝis pli forte ol la imago, ke sufiĉas kanonoj kaj kugloj por forigi malbonon. La fina rezulto estis, ke la buroj restis mastroj en siaj teritorioj, ke ili praktike gajnis la pacon! Kiel memstaraj anoj de la Imperio ili decidas mem sian sorton kaj la komuna intereso ilin lokigas apud la iamaj venkintoj. Por objektive juĝanta observanto, Eŭropo neniel sentis superregadon britan, tiel kiel volas kredigi tion certa propagando.

## La nova ordo.

La elementoj de la kreota nova ordo estas do la forigo de brita imperio el la koncerto de l'potencoj, el la submetigo de preskaŭ ĉiuj eŭropaj ŝtatoj sub germana kontrolo, el la forigo de slavaj ŝtatoj orientaj, ĉefa kaj pola, el la detruo de l' panslavismo, mistiko strange retroviĝanta en la komunista misio. Eŭropo suferis de ĉiam, sub la tendenco de grandaj nacioj, s a v i ceterajn per glavo. Fazo estis la pangermanismo kaj panslavismo, samaj en la tendenco, malsamaj en la metodo. Se du grandaj rivaloj interbatalas, suferas plejparte la najbaroj neniel interesitaj. Kaj estas ja rimarkinde, ke ĝis nun la Tria Regno ne venkis la ĉefan malamikon, sed la najbarojn, plejofte en tre amikecaj rilatoj kun Germanujo, kaj ĉiam militisme malpli fortaj aŭ ec sensignifaj. Por ĉiuj tiuj popoloj entiratаj kontraŭvole, la nova ordo sin prezentas kiel neta subpremo. Kaj la deklaroj de eminentuloj de l'Tria Regno ne lasas iun dubon.

## Orienta Eŭropo.

Ĉefan rolon en la ideoj pri la nova ordo ludas la oriento. La **popolo sen spaco** trovos tie la teron por produkti panon. La soldato germana anstataŭos pafilon per fosilo, ĉiam preta repreni la unuan, se necese. Kaj kun metodeco, kun la vera „Gründlichkeit" jam nun oni laboras por prepari ĉion. Revenis la tago de la Kavalira Ordeno, germaniginta la orienton, kreinta antaŭ jarcentoj novan ordon. Nenio estas nova sub la suno.

La regermanecigo efektiviĝis en la polaj provincoj oriente de Germanujo. Sisteme la polaj kamparanoj estis senigitaj de la tero, antaŭ dudek jaroj okazis la samo al la loĝantoj germanaj. Malinda ludo, kio venenigis kaj venenigas la atmosferon. La liberaj lokoj devus esti plenigataj per germanaj kamparanoj, unue el revenintoj (Suda Tirolo, Balkano, Baltiko) kaj ĉar ne sufiĉas, el kamparanoj el Germanujo mem. Kaj estas konstatinde, ke la emo veturi orienten, ne estas granda. **Popolo sen spaco** fariĝis nun **spaco sen popolo.**

Apartan rolon en la koloniigo orienta ludas la Ukraino, la lando de la Nigra Tero (Ĉernosem). En la ideoj de la pangermanistoj, la Ukraino devus liveri la grenon. Tial la videbla subteno flanke de Germanujo de la ukraina movado por sendependiĝo. Dum la lasta milito, la atento de la germana popolo, suferinta je manko, turniĝis al la Ukraino, farinta pacon. „Baldaŭ venos la greno kaj finos la mizero," estis espero tre disvastigita. Sed **ne** mankis la skeptikuloj kio esprimiĝis en tiutempa rimaĵo:

| | |
|---|---|
| Der eine nennt es Ukraine: | Ĝin iu nomas Ukraine |
| Ich mache eine Jammermiene | Kaj mi lamentas plorinkline |
| Der andre nennt es Ukräne | Alia nomas ĝin Ukräne |
| Jedoch auch dann fliesst meine Träne | Kaj fluas larm de mi ĉagrene |
| Der dritte nennt es Ukreine | La tria nomas ĝin Ukreine |
| Ich schliess die Augen und ich weine. | Kaj nun mi ploras ja ne ŝajne. |

Neniu en vasta mondo ja dubas pri volo kaj kapablo, ordigi la orienton. Se ĉi tiuj nekontesteblaj virtoj germanaj povus baziĝi sur la laboro de la propraj nacianoj plejgrandparte, oni povus vidi miraklojn. S e d kaj tie komencos la dilemo: La spacoj orientaj kaj sudorientaj estas loĝataj, ekonomie kaj politike la okupanto devas trovi minimumon da apogo ĉe la loĝantoj. La estonto nin instruas, ĉu la premisoj favoras la germanan tezon.

## Germana kiel tuteŭropa lingvo.

Ĉie kie instaliĝas la armeoj de la Tria Regno, naturdevige uziĝas la germana lingvo. Ĝi ĉiam estis peradlingvo en oriento, kaj estas kruela ironio, ke precipe la judoj peradis ne nur la germanajn varojn sed ankaŭ la scion de la germana lingvo.

Ripetiĝas ankaŭ tiu ĉi manio, alibaptigi loknomojn. En Polujo rajtas esti uzataj nur la germanaj formoj de loknomoj ekzemple Krakau, Warschau, por Krakow, Warszawa. Videble tiuj formoj estas alkonformigoj al germana lingvo. Alia ekzemplo estas la efektivaj alinomigoj kiel Litzmannstadt por la nete pola urbo L o d z , Reichshof por Rzeszow k. t. p. En Alsaco kaj Loreno ĉiuj franclingvaj nomoj estas forigataj.

Jam dum lasta milito, kiam fervoraj profetoj proklamis estiĝon de „Mitteleuropa" sub germana gvido, aperis la ideo krei specon de internacia lingvo el simpligita germana la tielnomata **WEDE** t. e. **W**e l t **d e**utsch. Ne estas malverŝajne, ke oni provos ion tian. Ja ne mankas analogiaĵoj ekzemple la Basic-English, modifigo de la angla lingvo por internacia uzo Lingvemuloj certe amuziĝas vidi tekston de tiu ĉi simpligita germana idiomo. La Patro Nia en W E D E aspektas tiel:

Unsere fater, wele sein in himel, deine name sol werden geheiliet, deine reik meg sukom uns, deine wile meg geshê wi in himel so af erde. Gewe uns unsere taglie brot, fergewe uns unsere shulda (feltrita) wi wir vergewen unsere feinda u fire nit in fersukun uns, sondern erlese uns fon ale iwela. Amen.

## Konkludo.

Ni staras antaŭ la giganta provo, transformi Eŭropon, gvidatan de celkonscia, disciplinita kaj obeema popolo. Eŭropo kun parto de Azio formus blokon kolosan, se la plano sukcesus. Kaj volenevole trudiĝas la penso „kontraŭ kiu?" La respondon jam forprenis la militdeklaro germana al Usono. De la fino de l' milito dependas la estonta situacio kaj ankaŭ la provo germanecigi Eŭropon.

# La Enciklopedio de Esperanto.

Unu el la valoraj eldonaĵoj kiujn ni dankas al la iniciato de entreprenema Vilmos Bleier, estas la Enciklopedio. Aperis du volumoj kun 1000 paĝoj da teksto kaj kelkcento da bildoj. Kompilis ĝin unue, mortinta pastro Ŝirjaev, amasiginte kaj notinte sur slipoj datojn, detalojn, diraĵojn, dokumentojn. Tiu ĉi laboro formis la kernon de la **Enciklopedio.**

Ĉu necesas tia verko? Nu, nia movado grandiĝis, sed spite sukcesoj diversaj, la lingvo ankoraŭ ne estas oficiala lernobjekto en ŝtataj lernejoj. Alivorte nia movado estas militanta kaj por militi necesas militiloj. Tia militilo — unu el la ĉefa — estas la dokumentado, la ebleco konsulti rapide fidindan verkon. Eble iu argumentas, ke tian dokumentadon bezonas la profesiuloj dume la cetera publiko povas vivi sen tio. Nenio pli erara ol tio! Ĉiu propagandisto spertis kiom ĝena estas ofte la foresto de fidindaj informoj pri io ajn de nia multvizaĝa movado.

Tiun ĉi informadon fidindan, sentendencan, plenumas la Enciklopedio de Esperanto. Oni trovas en ĝi la biografiojn koncizajn pri la pioniroj kaj aktivuloj, indikoj pri distingaj eldonaĵoj en nia lingvo, informoj pri lingvaj demandoj, unuvorte ĉio kio rilatas nian aferon, eĉ la edziĝoj per-pro-por esperantaj!

Aperis du volumoj kiuj enhavas ĉion de l'komenco de nia movado ĝis la jaro 1935. Pasis sep jaroj kaj tria volumo devis aperi jam en 1938. Kiel redaktoron por la tria volumo, la eldoninto gajnis la subskribinton de tiu-ĉi artikolo, kiu jam kunlaboris ĉe la du aperintaj volumoj. Sur grandaj slipoj estas resumitaj la la faktoj mankintaj en la du unuaj volumoj kaj la novaj okazaĵoj depost 1935. Pli ol mil titoloj sumiĝas jam la materialo, redaktita kaj kompost preta. Kaj ĉiutage aldoniĝas novaj citindaĵoj.

La amplekson de la du aperintaj volumoj montras jena statistika kompilaĵo:

| Citaĵoj pri: | Vol. I | Vol. II | Kune |
|---|---|---|---|
| Personoj | 668 | 891 | 1559 |
| Libroj | 162 | 320 | 482 |
| Gazetoj | 45 | 60 | 105 |
| Lingvo | 18 | 24 | 42 |
| Landoj | 33 | 46 | 79 |
| Urboj | 25 | 22 | 47 |
| Organizo | 44 | 24 | 68 |
| Aliaj aferoj | 37 | 88 | 125 |
| Resendoj | 90 | 113 | 203 |
| Sumoj: | 1122 | 2588 | 2710 |

Por la kompilado de la tria volumo akzistas du gravaj faktoroj, mankintaj ĉe la du unuaj, nome redaktoro kaj dokumentaro. La redaktoro, esperantisto de la jaro 1905, per sia praktika agado estas kvazaŭ destinita por tia laboro. Kaj la riĉa biblioteko, plie la arkivoj de UEA estas neniam elĉerpeblaj fontoj de dokumentado. Cento da novaj artikoloj dankas la kompilon al tiuj du faktoroj. Inter tiuj novaj artikoletoj ni citu ekzemple: Studon pri grupnomoj, regnestroj, ŝtatistoj sin okupintaj pri Esperanto, varnomoj, poŝtmarkoj, diskoj, edziĝoj esp., k. m. a. Granda estas la nombro de citaĵoj pri personoj.

Certe oni demandas kiam aperos la tria volumo? La milito renversis tiom da bonaj intencoj kaj planoj kaj inter ili ankaŭ tiun pri la presado de la tria volumo. Oni devos atendi ĝis la militfino kaj ĝis tio ĉi tempo la redaktoro havas okazon zorge esplori ĉion.

Multe oni plendis prave aŭ ne pri Bleier Vilmos. Se li nur estus sukcesinta eldonigi la Enciklopedion, ĉiu objektiva pensanto lin absolvus de peko, prokrastemo, petegoj pri mono. Tiu ĉi verko kolektiva estas honortabulo sur lia tombo.

**Hans Jakob**
Redaktoro de l'E. d. E.

## Esperantista Interhelpo

### Helpo Grau Casas

Nenia novaĵo — escepte ke venis pliaj donacoj. Francaj samideanoj daŭrigas sendi nutraĵojn. Informoj aperos en sekvanta numero de ESPERANTO.

### Esperantistaj rifugintoj

D-ro Wilhelm Solzbacher, germana esperantisto, tre aktiva en la katolika E-movado sukcesis atingi Usonon. Lia nuna adreso estas:
2697 Woodhill Road, Cleveland, Ohio, Usono.

### Esperantistaj Militkaptitoj

S-ro Roger Bernard, Kriegsgefangener no. Fz. 6981, 1 B Stalag I A, Stablack, (Ostpr.), Deutschland.

Sinjoro Bernard, estinta sekretario de la ĉefdelegito de UEA Celestin Rousseau, informis nin per pk de la 5a de Februaro 1942 (alveninta la loan de Aprilo!) ke li estas militkaptito. Li petis librojn pri lingvistiko, filologio franca kaj ĝenerala kaj antropologio. Ni petis la helpservon de la YMCA kaj de la Internacia Oficejo pri Edukado, ambaŭ en Palais Wilson, fari la neceson. Nia samideano ricevos dekon da kilogramoj de verkoj povontaj lin servi kaj pasigi la longajn horojn de kaptiteco.

### Esperantistaj militinternigitoj

Caporal **Joseph Majkrzyk,** Interné mil. pol., Camp d'Oeschgen, (Frick) Svis.

Std. **L. Hudowicz,** Camp Militaire d'Internés, Zugerberg (Zug) Svis.

### Civilinternigitoj

**S-ro Solè Tudela Salvador,** Centre de séjour surveillé Pavillon no. 95, Noe (Francujo, Haute-Garonne).

**S-ro Français Pignol,** chez M. Bertin, Mouxy par Aix-les-Bains (Francujo).

### Ekzilitoj

Gesinjoroj E. E. Yelland, Esperanto-Domo, en Aspremont A. M. lakone sciigis: Ekzilitaj. Ĉio forlasita. Nuna adreso: Ansouis (Vaucluse) Francujo.

**S-ro Julio Mangada Rosenörn,** estinta ano de la Komitato de UEA, atingis Meksikon. La periodaĵo RENOVIGO, aperanta en Meksik-Urbo, surhavis interne la krajonan noton de la redaktoro: Mangada alvenis.

## Niaj Mortintoj.

*Kun bedaŭro ni sciiĝis pri la forpaso de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas esprimon de nia kora simpatio.*

*Pro la eksterordinaraj cirkonstancoj de la nuna tempo aro da komunikoj atingis nin malfrue.*

**Sinjoro J. Gili-Norta,** la senlaca Barcelona pioniro, mortis la 6-an de Januaro nunjara. Depost lia esperantiĝo en 1909, li aktive partoprenis nian movadon naci kaj internacian. Fondis kaj prezidis diversfoje la malnovan grupon „Barcelona Stelo", por kies teatrorondo li skribis kelkajn komedietojn pri E., kiuj poste estis sukcese reprezentataj en diversaj enlandaj grupoj. Dum multaj jaroj li estis fervora propagandisto, MA de UEA kaj unu el la ĉefaj bastionoj de la neforgesebla enlanda Esperantista Federacio (KEF), kiu tiel konata fariĝis inter la esperantistaro pro la organizado de siaj „Internaciaj Floraj Ludoj", la bela literatura festo kiu tiel riĉe ornamis la enlandajn kongresojn kaj tiom interesis niajn prozistojn kaj poetojn. Nia kara malaperinta amiko ĉiam alportis sian klaran kaj praktikan vidpunkton al ĉiuj entreprenoj malfacile realigeblaj pro manko de ekonomia bazo, kaj nur dank'al lia komercista sperto fariĝis praktika fakto la reprodukto en gramofondiskoj, de la voĉo de Dro Zamenhof kaj la eldono de la famekonata „Kataluna Antologio". Lia aktiveco estis tiel granda por nia afero, ke ni devas rezigni citi lian multflankan agadon por Esperanto, por ne trolongigi ĉi tiun noton. Jus kiam li estis 50 jaraĝa, la perfida morto senkompate hakis tre produktivan branĉon de nia kataluna kverko . . . ! Nur restas al ni, liaj fidelaj kunlaborantoj kaj amikoj, esprimi nian plej grandan ĉagrenon al liaj funebrantaj patrino kaj fratino pro ĉi tiu neriparebla perdo.

**Sinjoro Hektoro Bobbiesi,** fervora ano de l'Argentina E-Asocio, Buenos-Aires, 3. Oktobro 1941.

**Sinjoro Henry Clark,** en Sidcup, Brit., 20an de Januaro 1942.

**Sinjoro Prof. J. J. Findlay,** Honora profesoro de edukado ĉe Manchester-Universitato, en Junio 1940, estinta MA 26184 de UEA.

**Sinjoro Leonardo Harding,** Januaro 1942, blinda samideano en Portsmouth, Esperantisto de 1930. Li verkis belan kaj inspiran muzikon por „La Vojo".

**Sinjoro Edgar A. Hawkins,** 16an de Marto 1941, estinta ano 18915 de UEA.

**Sinjoro Charles Frederick Hayes,** 9an de Januaro 1942. Verkis kun D-ro O'Connor la konatan English-Esperanto Dictionary (1907). Malnova ano 2433 de UEA.

**Sinjoro Georges Karpatakis,** en Port-Said, tre agema samideano, trafita de bombo dum aeratako, Aŭgusto 1941, kune kun la patrino.

**Sinjoro Stefano Kun,** 24 Marto 1942, Budapest, prezidinto de Laborista, sekcio de la Hungara E-Federacio.

**Fraŭlino Agnes G. Lavender,** en Manchester, 8an de Jan. 1942.

**Sinjoro Rafaelo Martin,** 23 jaraĝa hispana samideano, sekve de elĉerpiĝo, 5an de Majo en Bram (Aude) Francujo. La Esperantistaj internigitoj ĉeestis la enterigon.

**Sinjoro Stefan Simeon,** 79 jaraĝa, Luzern 26 - I - 42. Aliĝis al la movado en 1910.

**Sinjoro Otto Simon,** profesoro el Vieno, Seattle, Cal., Usono, 12. Aprilo 1941. Pioniro de nia afero en estinta Aŭstria-Hungara monarkio, verkinto de lernolibro, de sennombraj artikoloj, ano de la Lingva Komitato, de la Ŝtata ekzamen-komisiono aŭstria k. t. p. Rifuĝis Usonon kun familio.

**Sinjoro Edmundo Felix Tribouillet,** Rio de Janeiro, Decembro 1941. Multjara kasisto de la Brazila. Ligo Esperantista kaj komitatano de Brazila Klubo de Esperanto.

**Sinjoro Cedric F. White,** 2. Oktobro 1941, multe klopodinte por E en Britujo, kaj Aŭstralio.



## Korespondado.

**Châteauneuf du Pape** (Francujo, Vaucluse) — F-ino Berthollet, „La Paumaré", dez. kor. kun svisa samideanino inter 35—45 jaraĝa pri seriozaj temoj.

**Genève** (Svis.) — S-ro E. N. Thonney, 14 rue de l'Ecole de Médecine, serĉas kontaktiĝi kun seriozaj kolektantoj dezirantaj interŝanĝi PM stampitajn de ĉiuj landoj, kontraŭ svisaj: Bazo katalogo Yvert-Tellier 1942. (Korespondado prefere en franca lingvo.)

**Norrahammar** (Svedlando) — Loka grupo de SLEA dez. kor. k. ĉ. l. per PI kaj L.-Arne Ekman, Pl. 355. Garantias respondon.

**Prades** (Francujo, Pyr. Or.) — F-ino Jeanne Dedieu, 23 rue Victor Hugo, petas korespondantojn por siaj multegaj grupanoj (tutlanda grupo de ge-instruistoj k. kelkaj ali profesiuloj). Nepre sciigu ŝin pri la korespondonta kaj pri vi: aĝo, profesio, temoj. k. t. p. Ĉiam valoras.

**Sofia** (Bulgar.) — S-ro Dimitar G. Ivanov, elektroteknikisto Str. Losengrad 10, 20 jara, dez. koresp. pri ĝeneralaj temoj.

**Zagreb** (Kroatio) — S-ro Ivo Brcković, Vlaŝka 38, dez. kor. kun svisoj.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

PALAIS WILSON - GENÈVE (SVISLANDO)

## Oficiala Informilo 1942 - N-ro 2

**Estraro de UEA.** La Estraro de UEA kunvenis 18/19 Aprilo en Neuveville, diskutis agadplanon por 1942, ekzamenis kaj aprobis jarkalkulon 1941 kaj akceptis la eksiĝon de Hans Jakob kiel profesia oficejestro kaj redaktoro kun kora danko por sindona servado.

Novaj kondiĉoj necesigis adaptiĝon: La ĝisnuna Direktoro eniras Komitaton kaj Estraron kaj gvidas la laborojn honorofice.

La Estraro de UEA, rajtigita plenpove gvidi l'Asocion dum la nuna militado konsistas nun el:
H. Kürsteiner, prez.; Renaud Richez, vicprez.; Charles Rosen, H. G. Rotach, Hans Jakob (honorofica afergvidanto).

**Danko.** — La translokiĝo de l'Centra Oficejo al nova ejo necesigis radikalan „p u r i g a d o n" ekzamenon de arkivaĵoj, presaĵoj kaj aferoj forigendaj. Helpis nin sindone dum du monatoj en tiu ĉi laborego,

*Sinjoro Emil A. Auer*

veninta de Hallau (Schaffhausen) al Genève. Kelkmiloj da klasiloj estis esploritaj sisteme kaj forigita kio ne plu havas valoron ian ajn. Montego da korespondaĵoj, pleniginta tridek du grandajn sakojn!

Poste oni procedis al ĝenerala inventario de la tuta materialo, meblaro, maŝinaro. Ĉio kio estis enpakigebla estis enpakigitaj praktike por ebligi facilan trovon. Kaj fine estis forigitaj 27 sakegoj da nevendebla literaturo, presaĵoj, periodaĵoj duoblaj. Resume: necesega operacio!

Diligente helpis nin Sinjoro Auer, ne timante penigan laboron en malsufiĉe hejtitaj ejoj dum frosta vetero. Lia kono de la lingvo kaj de la movado estis de granda valoro ĉe tiu ĉi „kribrado". La Estraro de UEA esprimas per tio ĉi sinceran elkoran dankon, al tiu ĉi bonvolema kunlaboranto.

Kelkaj fidelaj UEA anoj, kontrolis kaj supervidis la transporton de l'Oficeja instalo de l'dua etaĝo en teretaĝon. Al ili: S-ino Joerin, S-ino Jakob, F-ino Yvonne Jakob, S-roj Gossweiler, Schweingruber, k. a. rean dankon.

---

**Statistiko.** Malgraŭ la malrapideco de la poŝta servo, la korespondado de la Centra Oficejo, ne malvigliĝas, kiel pruvas la ciferoj:

| Monato | Leteroj | P.kartoj | Presaĵoj | Sume |
|---|---|---|---|---|
| Januaro | 90 | 5 | 30 | 125 |
| Februaro | 56 | 2 | 861 | 919 |
| Marto | 59 | — | 167 | 226 |
| Aprilo | 90 | 7 | 27 | 124 |
| Sume | 295 | 14 | 1085 | 1394 |

Estis do forsenditaj de la C. O. 295 leteroj, 14 poŝtkartoj kaj 1085 presaĵoj dum Januaro-Aprilo 1942.

**Subtenantoj.** — Aliĝis kiel Subtenantoj por 1942, jenaj samideanoj:

1. S-ro Manuel de Freitas, Porto.
2. S-ro D-ro J. S. C. Santos, Porto.
3. S-ro Luzo Bemaldo, Lisbono.
4. S-ro Einar Adamson, Göteborg.
5. S-ro J. Jacobsson, Lefvar, Sved.
6. F-ino Jeanne Dedieu, Prades, P. O.
7. S-ro Rosario Sgroi, Catania.
8. S-ino Dave H. Morris, Newyork.
9. S-ino Tissot, Basel.
10. S-ro Jules Gilliard, Neuveville.
11. S-ro Fr. Sola, Terrassa.
12. S-ro Hans Jakob, Genève.

Al ĉiuj koran dankon, al venontoj gratulon por bona ideo, helpi la Asocion.

---

### Novaj lokoj kun Delegitoj:

En jenaj lokoj estas elektitaj kiel Delegitoj:

**Annemasse** (Francujo, Haute-Savoie) — D: vidu Collonges sous Salève.

**Argeliers** (Francujo, Aude) — D.: Jean Gouzet, vinberkulturisto, Route de Narbonne.

**Chalamont** (Francujo, Ain) — D.: Georges Marius Chanel, teksaj-vendisto.

**Collonges sous Salève** (Francujo, Haute-Savoie) — D.: Camille Rogister, eksperto pri librotenado.

**Kinna** (Sved., Västergötland) — D.: Carl Adolf Linusson, teksisto Häggädalen.

**La Laguna,** Tenerife (Kanaria Insularo) — D.: Juan Régulo Pérez, Ossuna Van den Heede 29.

**Prades** (Franc., Pyrénées Or.) — D.: F-ino Jeanne Dedieu, profesorino, 23 rue Victor Hugo.

**Santa Cruz de Tenerife** (Kanaria Insularo) — D.: Angel Gutierrez Rodviguez, Carretera del Rosario 5, no 34, Taco.

**Mogelsberg** (Svislando, St. Gallen) — D.: Eduard Graf, fervoj-oficisto, Station.

**Montferrand** (Francujo, Puy-de-Dôme) — D.: Georges Belin, leterportisto, 5 rue du Temple.

**Stockholm** (Svedlando) — D.: Ludvik Lorentz Landin, ekspedisto, Alströmergatan 32. VD.: Sigvard Hakansson, poŝtoficisto, Asögatan 148.

**Surte** (Sved., Västergötland) — D.: Vidar Persson, laboristo, Dalhem, Box 287.

**Viseu** (Portugal, Beira Alta) — D.: D-ro Cesar Anjo, kuracisto, Rua Formosa.

**Ulricehamn** (Sved.) - D.: Georg Carlander, kontoristo, Tallbacken